


N-ro 30 30.9.1974 sesa jaro, n-ro 4

AfergvidaNto de AREK: Ivar PAULSSON, Algatan 3, S-171 33 SOLNA (Svedujo), P.ĉ.k. 51 57 85-4; redaktoro de "FENIKSO": d-ro Antonio DE SALVO, C.P. 4017, I-00100 ROMA APPIO (Italio), p.ĉ.k. 1/50317; jara kotizo: 10 internaciaj respondkuponoj aŭ egalvaloro (la redaktoro pretas pagi la kotizon de tiuj, kiuj sendos al li neuzitajn tutaĵojn en valoro de 10 leterafrankoj al eksterlando).

## LA STAMPO-BANKO

Unu el la plej originalaj proponoj, kiujn AREK faras al siaj membroj, estas sendube la "Stampo-banko", kiu devus, samtempe, liveri al la kolektantoj la bezonatajn stampojn, kaj al la kaso de AREK la monon por plibone vivteni la asocion kaj ĝian organon.

Ĉiuj scias, kiel la afero funkcias: oni aĉetas de la Banko pagante po 2 respondkuponojn, kaj oni vendas ricevante 1 respondkuponon. La afero ĝis nun sufiĉe bone funkciis, malgraŭ la konataj kaj imageblaj malfacilaĵoj, kiujn oni ĉiam renkontas en la internaciaj interŝanĝoj de filatelaĵoj. La merito de tiu fruktodona labo

ro estas de nia kolego Frank TICHY, kiu tamen nun, pro personaj kaŭzoj, devis rezigni je ĉi tiu agado, kaj forlasi la kolektadon kaj la kontaktojn kun siaj korespondantoj.

Oni klopodos trovi alian solvon; ekzemple, jam alia ĉeĥoslovaka samideano sin proponis bonvole, sed oni devos atente esplori la situacion kaj la eventualajn sekvojn. Provizore, mi mem povos helpi la AREK-anojn en serĉado de stampoj, ĉerpante el mia persona stoko, sed kompreneble oni devos trovi alian elirvojon kiel definitivan, des pli, ĉar oni devos trovi manieron transsendi al la nova komisiito (aŭ, pliĝuste, komisioto) la stokon kuŝantan ĉe s-ro Tichý, aŭ alimaniere reformi stokon por AREK.

Tiuj, kiuj deziros profiti mian supran proponon, bonvolu esplicite klarigi, skribante al mi kaj mendante stampojn/aŭ sendante stampojn, ĉu ili tion faras en miaj personaj rilatoj, aŭ en rilato al AREK, ĉar kompreneble mi devas kaj volas teni du apartajn kalkulojn.

Mi volonte akceptas, de ĉiu novaperonta stampo, eĉ 50 ekzemplerojn, se temas pri "okcidenta" lando, kaj 20 se temas pri "orienta"; la eventualan superfluon kompare kun la bezonoj de AREK transprenos volonte mi persone, do oni ne devos timi pri troa engaĝiĝo flanke de AREK.

Mi ripetas, tamen, ke temos pri provizora aranĝo, atendante alian, eventuale plibonan solvon (kaj esperante, ke ne okazos kiel kun la redaktado de "Fenikso": mi transprenis ĝin provizore kaj eksperimente jam antaŭ preskaŭ 2 jaroj, kaj ankoraŭ mi ne sukcesis forpreni de mi ĉi tiun plaĉan sed temporaban devontigon...).

D-ro Antonio DE SALVO, C.P. 4017
I-00100 ROMA APPIO (Italujo)
p.ĉ.k. 1/50317, via Clelia 88, I-00182 ROMA

## KIEL NASKIĜIS ESPERANTO-BIBLIOTEKO

AREK estas klubo de kolektantoj, kiuj interesiĝas pri diversaj Esperanto-objektoj; pli ĝenerale kaj ofte, ili kolektas E-filatelaĵojn aŭ aĵojn parencajn al tiuj (glumarkojn, ktp), sed ne mankas AREK-anoj, kiuj ankaŭ fervore kolektas E-librojn kaj revuojn (mi mem estas inter ili), ne nur pro simplaj arkivaj celoj, sed por konservi, utiligi kaj disponigi al aliaj la historian kaj literaturan trezoron de tiuj publikaĵoj.

Mi taksis, do, interese aperigi ekstrakton el letero, kiun mi ĵus ricevis el Belgujo; kvankam mi ne havis sufiĉe da tempo por peti de la sendinto la rajtigon je publikigo, mi konfidas, ke li akceptos bonvole, ke oni diskonigu interesan travivaĵon.

LA REDAKTORO

"Mi lernis Esperanton en 1925/1926, sed komplete retiriĝis el la movado en 1930. Nenion plu mi aŭdis, nek okupiĝis pri Esperanto - kompleta mallumo - efektive mi forrestis el la movado dum 40 jaroj. Sed tio ne malhelpis, ke mi revenis en 1970 ankoraŭ pli fervora esperantisto ol antaŭe.

Dum mia aktiva vivo mi estis oficejestro en la urba administracio de Kortrejko/Belgujo, kaj emeritiĝis kiel honora oficejestro en 1970, dato de mia reesperantistiĝo kaj repreno de miaj esperanto-aktivecoj.

Fakte estis dum ia kunveno en la Urbodomo dum miaj lastaj tagoj de deĵoro, en kiu ĉeestis kelkaj urbkonsilantoj kaj ankaŭ la Urba Bibliotekisto (ĉiuj miaj amikoj kaj kolegoj), ke oni priparolis la lingvajn malfacilaĵojn en la rilatoj kun orientaj landoj; al tio mi stulte diris: Faru tion esperantlingve, tio certe donos rezultojn. Sed

ili tuj replikis: Kiu skribos en Esperanto? kaj mi supenlevis la manon, je ilia plena mirego, kompreneble. Tuj ili metis la taskon sur miajn ŝultrojn kaj eĉ petis, ke mi traduku esperantlingven fakan libreton pri la linindustrio, kiu estis iam la ĉefa industrio en la regiono de Kortrejko.

Ne necesas diri al vi, ke mi ŝvitis tradukante ĝin, ĉar post 40 jaroj da forresto mia Esperanto-vorttrezoro estis iom vualita.

Nu, dum la parolado mi iomete fanfaronis pri mia Esperanto-biblioteko, kiu en mia subtegmentejo jam kuŝis sub 4o-jara tavolo da polvo. Tuj la Urba Bibliotekisto proponis: Donacu ĉion al la Biblioteko, ni zorgos pri ĝi kaj eĉ aĉetos kelkajn librojn, por ke ni havu ĉirkaŭ 200 librojn por komenci. Mi akceptis, kaj tio estis la unua paŝo de la fondiĝo de Esperanto-Sekcio en la Urba Publika Biblioteko.

Pro mia agado kaj donacoj de multaj belgaj kaj eksterlandaj samideanoj, kaj precipe pro diversaj heredaĵoj nia Esperanto-Sekcio daŭre kreskis, kaj sekve de mia vigla kaj intensa interŝanĝado kun multaj eksterlandaj Muzeoj kaj kolektantoj ni baldaŭ atingos 4.000 erojn, inter kiuj estas valoraj Zamenhofaj dokumentoj.

La Urbestraro kaj la estraro de la Biblioteko, kiel danko pro mia agado kaj ankaŭ dezirante konservadi la jam valoran Esperanto-kolekton, decidis leĝe ŝirmi la kolekton donante al la Esperanto-Sekcio la titolon "Esperanto-Fondaĵo Cesar VANBIERVLIET". Tiu titolo implicas kaj signifas, ke de nun nenio el la kolektitaj esperantaĵoj povas esti alipropriigita, vendita aŭ detruita; ĉio devas esti de nun eterne konservata por ni kaj niaj posteuloj, kiel estas por la aliaj gravaj fondaĵoj en la Biblioteko, kiuj devenas ĉefe de nobelaj familioj, kiuj donacis sian bibliotekon kolektitan dum jarcentoj.

Kvankam la Biblioteko aĉetas ĉiujare certan kvanton da libroj, tamen la plej grava afero estas, ke ĝi tuj bindigas la jarkolektojn, kiujn mi sukcesas kompletigi; ĉijare ĝi elspezis ĉirkaŭ 50.000 belgajn frankojn por tiu celo, kaj denove kelkdekoj da jarkolektoj estas pretaj por la bindisto.

Eble ni ambaŭ povus helpi unu la alian pere de niaj duoblaĵoj, kaj mi tre ĝojus, se vi akceptus mian proponon por amika interŝanĝado de esperantaĵoj. Mi tre ĝojus, se vi iomete povus ŝtopi kelkajn truojn en mia kolekto, kaj aliflanke mi reciproke ŝatus fari la samon por vi; mi estas certa, ke inter miaj miloj kaj miloj da duoblaĵoj de diversaj revuoj, mi ankaŭ povas helpi vin por pliriĉigi vian bibliotekon. Krome, mi ankaŭ posedas duoble centojn da Esperanto-libroj.

Cesar VAN BIERVLIET, Oudenaardsesteenweg 158, B-8500 KORTRIJK (Belgujo) "

000000°°°°°000000

PRI LA PICKEL-AFRANKOSTAMPOJ

mi faris jenajn rimarkojn:

1) al la konata tipo "ESPERANTO/Lingvo Internacia/ Esperanto-Nachrichten-/Dienst (END)/Pilo-Press/ LVP/Ludwig Pickel/85 Nürnberg 1/ Postfach 2113", aldoniĝis (minimume de 7.9.1974) alia tute egala tipo, sed kun plia skribaĵo, en la maldekstra flanko de la afrankostampo, "Druchsache" (=presaĵoj);

2) la konata tipo, kiu varbis por la Universala Kongreso en Hamburgo ("ESPERANTO/Lingvo Internacia/ 59- Universala/Esperanto-Kongreso/1974 Hamburg/ LVP/Ludwig Pickel/85 Nürnberg 1/ Postfach 2113") same aperis kun aldonaĵo "Druchsache" (=presaĵoj), minimume de 11.5.1974; sed la plej interesa eltrovo estas, ke mi ankaŭ posedas ekzempleron kun dato 14.8.

1974, tio signifas, post la fermo de la Universala Kongreso, pri kiu ĝi varbas!

Antonio DE SALVO, Roma (Italujo)

PIO X SUR ITALA STAMPO

Plia filatelaĵo aldoniĝis al la jam multnombraj, kiuj memorigas la Sanktan Papon Pio-n X, patronon de la Esperantistoj Katolikaj kaj, siatempe, simpatianton de Esperanto. Temas, ĉifoje, pri speciala stampo uzita la 21-an de aŭgusto 1974 en la vilaĝo RIESE PIO X (provinco de Treviso), okaze de la 60-jara datreveno de la morto kaj 2o-jara datreveno de la Sanktigo. La stampo, tre belaspekta, prezentas la papan blazonon, kaj la itallingvan skribaĵon "LX E XX ANN. TRANS. E CAN. PIO X"

Antonio DE SALVO, Roma (Italujo)

ANONCO : D-ro Rosetel PRODANESCU, C.P.5817, Bucuresti 61, Rumanujo, deziras ricevi E-filatelaĵojn kaj E-insignojn kontraŭ rumanaj poŝtmarkoj, UTK-oj, maksimumkartoj, tutaĵoj. Respondas ĉiun proponon.

INTERPHILA 1974

Trarigardinte la adreslibron de filatelo "Interphila 1974", mi konstatis, ke preskaŭ neniu Esperantisto/Kolektanto de la motivgrupo Esperanto/ eluzas tiun malgrandan eblecon senkoste propagandi por ni. Mia opinio estas, ju pli multe da nomoj tie estas troveblaj, des pli da interesuloj anoncos sin.

La adreso por kontakti kun la eldonejo estas:
an der FACHVERLAG LUDWIG HELWIG,
D+8210 PRIEN-CHIEMSEE, Spatzenweg 11
Postfach 47 (Federacia Resp. Germanujo)

La limdato por aperigo de la anoncetoj en la eldono 1975 estas 30.6.1974.

Richard HIRSCH, BAD HERSFELD (F.R.Germanujo)

NOTO DE LA REDAKTORO: La supre indikitan inform on, adresitan al s-ro Paulsson, mi ricevis tra nerekta vojo, kaj do kun malfruo eĉ pli granda, ol tiu, je kiu mi jam kutimiĝis pro la poŝta misfunkciado. Ĉar la informo alvenis post la tajpado de pasinta numero de "Fenikso", mi ne povis ĝustatempe instigi la AREK-anojn sekvi la pravan proponon de nia kolego HIRSCH. Eble, tamen, malgraŭ la forpaso de la limdato, oni ankoraŭ povus provi, ĉu oni ankoraŭ akceptas enskribiĝojn (kiuj estas, cetere, tute senpagaj, kaj ne donas iun ajn devontigon).

## PRI LA DUA TIPO DE LA SVISA STAMPO BERN 1947

(responde al la demando de s-ro Biesiada en Fenikso n. 27)

Mi bone konas tiun ĉi stampon. Ĝi estas poŝta. La Berna Kongreso de 1947 havis 2 stampojn. Jen kelkaj klarigoj pri tiu dua stampo, kiu fakte estas variaĵo de la normala (laŭ indikoj de svisa kolektanto neesperantisto).

Temas pri inversa problemo kompare al la stampo de Lugano 1972, kiun mi klarigis en Fenikso n. 23. Kio okazis?

1) dekomence, en Lugano, oni antaŭvidis "aŭtomobilan poŝtkontoron". La fabrikita memoriga apudstampo enhavis la urbnomon. Por svisa aŭtomobila poŝtkontoro estas nepre necese, ke sur la memoriga apudstampo aperu la urbnomo, ĉar ĝi ne estas indikata sur la ronda nuligstampo. Lastmomente la antaŭvidita aŭtomobila poŝtkontoro fariĝis "enĉambra poŝtkontoro" (en la kongresejo). La jam preta apudstampo tamen estis uzata ĉar ĝi povis senĝene esti uzata kun ronda nuligstampo de Lugano.

Oni trovis ripete la nomon LUGANO sur la apuda kaj sur la nuliga stampoj, sed tio tute ne gravis.
2) En BERN 1947, male, prezentiĝis inversa situacio: oni antaŭvidis enĉambran poŝtoficejo, kiu uzus ordinaran nuligpovan datstampon de Bern + apudstampon sen indiko de urbnomo (tiu indiko estis nenecesa, ĉar ĝi troviĝas sur ĉiu urba ronda nuligstampo). Nu, finfine la nedaŭra poŝtkontoro funkciis kiel "aŭtomobila", kaj ne plu "kongreseja". Sekve, ne plu estis eble uzi la jam pretan apudstampilon (sen indiko de urbnomo), ĉar ĝi + la ordinara nuligstampo de aŭtomobila poŝtkontoro (kiu indikas nur "SCHWEIZ.AUTOMOBIL-POSTBUREAU") ne plu taŭgas: ja mankus unu el la devigaj elementoj, la urbnomo.

La transformiĝo de kongreseja poŝtkontoro en aŭtomobilan estis decidita sufiĉe frue, ĉar nova memoriga stampilo - kun indiko de la nomo BERN, tiam necesa - povis esti aranĝata ĝustatempe. Tiu stampilo estis uzata dum la tuta kongreso, kaj ĝin ni ĉiuj konas. Tamen la netaŭga (sen BERN) estis iom uzata (ĉu erare, ĉu memvole por aranĝi kelkajn "raraĵojn"?). Ĉiukaze ĝi ekzistis.

Kontrolu viajn duplikatojn de la stampo BERN 1947. Eble vi posedas variaĵon, kiun vi ne supozis.

Krom la fakto, ke nur la normala stampo indikas BERN, ambaŭ stampoj ne estas tute similaj. Precipe la pozicio de la kvinpinta stelo ŝanĝiĝas.

Jean AMOUROUX, PERPIGNAN (Francio)

ALPROKSIMIĜAS LA NOVA JARO : frua pago de via kotizo estas bonvena, kaj helpas nin en la traktado de administraj aferoj, des pli konsiderante, ke afergvidanto kaj redaktoro loĝas en landoj malproksimaj inter si, kaj ke la poŝto bezonas tempon por alporti pagojn kaj sciigojn. LA REDAKTORO

RUDOLF BURMEISTER SKRIBIS, antaŭ kelkaj monatoj (15.3.1974):

Stampokatalogo: Amiko PAULSSON diligente kaj energie pere de sia mirakla multobligilo kopiis la novan Duan eldonon, kaj nun eblas servi al ĉiuj per nova katalogo. 20 paĝoj kun multaj ilustraĵoj (kopioj) pri raraj stampoj. Redakta fino estis 15.1.1974. Pri la prezo mi nenion povas diri; mi proponis 5,50 germ.markojn, inkluzive sendkostojn; mi pretas ekspedi la katalogon al la mendantoj, s-ro HEIMLICH pretas akcepti la monon. Samtempe kun la pago, oni devus informi min, ke oni pagis al HEIMLICH. Por amikoj en socialismaj landoj mi ebligas pagon sur rubla bazo (1gmk=3 Kĉs, 5 Ft,6 Zł, 2,5 Leoj, 30 stot., 40 kop.). Mi rezignas pri iu ajn profito el la dua eldono; pagendaj nur estus papero kaj afranko; tutan profiton ricevu AREK, tiel oni baldaŭ ankaŭ povus aperigi la jam de jaroj pretan katalogon pri tutaĵoj, pretigitan de Vâňa.

"Falsaj"Esperanto-filatelaĵoj: Mi ne samopinias kun amiko AMOUROUX. Amaso da firmaoj, organizaĵoj, oficejoj ktp utiligas normalajn pk por surpresi tekstojn propagandajn aŭ ekonomiajn. Cetere, plej verŝajne estis necesa oficiala permeso por surpreso, de iu ŝtata oficejo. Pri ĉi afero ĉeĥoj mem certe plej bone povus ion diri.

"Kehlet"-stampo: neutiligebla por E-filatela ekspozaĵo en ekspozicio. Ekzistas miloj da stampoj, kiuj montras kvinpintan stelon kaj nenian rilaton havas al E-o. Cetere ankaŭ la stampoj de olimpiaj ludoj en Amsterdam 1928 estas originale celita E-simbolo. Sed bedaŭrinde la aŭtoro de la stampo enmetis neniun E-vorton; ĝi same ne uzeblas por fila-ekspo, sed uzebla nepre estas tiu memorfolio kun speciala pm-serio, ĉar memorfolio estas E-lingva.

Pri koloraj stampoj: tia starpunkto estas malofta, ke ĉiu laŭ propraj ideoj produktu kolorajn stampojn, kiujn poste oni oficialigu en katalogoj. Laŭ mia scio pola poŝta ministerio mem okupiĝis pri la problemo de koloraj aperaĵoj, kaj kategorie neis oficialecon de koloraj sta-variaĵoj. Speciale ni devas danki al Pola E-filatela Klubo, kiu serioze klopodas klarigi nebulajn aferojn ĉirkaŭ iuj polaj sta. Rezulto estas, ke hodiaŭ eblas prezenti "puran veston" de polaj stampoj. La fingromontro al japanaj stampoj aspektas iom senhelpa, ĉar ĉiu filatelisto scias, ke japanaj sta (ne nur esperantaj) aperas preskaŭ senescepte en tiu ruĝbruna inko. Ne troveblas apud tiu ankoraŭ ve, ni, vi ktp. Kaj kio koncernas aŭstrajn koloraĵojn: ĝis nun neniu sciigo, ke privatulo aperis kun sta-kusenoj ĉe poŝto por produkti individuajn nuancojn. Mi bone komprenas la entuziasmon de esperantistoj, ĉiel propagandi kaj varbi por E-o, mi konas la amon al belaj, buntaj kaj interesaj stampoj. Mi eĉ konsentas, ke tiaj sta troviĝu en tirkestoj k albumoj. Sed en filatela ekspozaĵo tiaj produktoj ne havas lokon. Ankaŭ se ofte tio doloras. Mi eĉ deklaras, ke oni miskreditigas per tiaj manipulaĵoj la E-filatelon. Pli bone estas ne montri pecon, eĉ se temus pri plej granda raraĵo, se ne pruvita oficialeco. La reguloj hodiaŭ pli kaj pli serioziĝas, kaj ĉiu ajn "nefilatelaĵo" malgrandigas ŝancojn de medalakiro.

R.BURMEISTER, KARL-MARX-STADT (GDR)

PRI LA GREKAJ STAMPOJ skribis s-ino Urania GEORGIADU el Ateno, Greklando: "Neniu mistero ekzistas pri tiuj stampoj; ili estis poŝte uzitaj, en Ateno 1973 kun la skribaĵo Oficiala PostkongresoAteno, kaj en Retimno 1972 kun la skribaĵo Esperantikon Mesohiakon Seminarion".

STAMPOJ EN 1974 (daùrigo de pasintà numero)

S-ro AMOUROUX atentigis nin, ke ankaù ekzistas la franca varbstampo ST ETIENNE 1974 kun datstampo PP (port payé - pagita afranko); same kiel ĉiuj similaj PP-stampoj ĝi estas malfacile akirebla.

Krome aperis, laù mia scio:

- SZEGED, Hungarujo, 12.5.1974: ronda stampo kun bildo de konstruaĵo lumigita de radianta E-stelo, kaj teksto, en la hungara kaj en E-o: ESZPERANTÓ NAP + ESPERANTO-TAGO/1974.V.12

- SZOLNOK, Hungarujo (miaj ekzempleroj havas datojn 21,22 kaj 23 junio 1974): stampo en formo de blazono, kun E-stelo, birdo fleganta siajn idojn en nesto, kaj teksto en la hungara kaj E-o: "25.MAGYARORSZÁGI/ ESZPERANTÓ/ KONGRESSZUS/ 25-a HUNGARLANDA/ ESPERANTO-/KONGRESO/SZOLNOK/dato"

- ABALIGET, Hungarujo (miaj ekzempleroj havas datojn 15,16,17,18,19,20,21,24 julio 1974): la jam tradicia stampo kun esperanta malhela stelo, du floroj, montaro kaj manoj sinpremantaj, kun teksto nur en E-o: "7a/Internacia/Renkontiĝo/Naturamika/IREN/ABALIGET/ dato

- GYULA, Hungarujo, dum kulio (mi ankoraù ne vidis ĝin)

- VALLADOLID, Hispanujo (miaj ekzempleroj havas datojn 19 kaj 22 julio 1974): ronda stampo okaze de la Hispana E-kongreso, kun granda malhela/striita stelo, kaj teksto nur en la hispana "CONGRESO NAC./DE ESPERANTO/VALLADOLID/XXXIV/dato

- HAMBURG, Federacia Resp. Germanujo: ovala sta okaze de la 59-a U.K. (miaj ekzempleroj havas datojn 29,30 kaj 31julio kaj 2 aùg. 1974): HAMBURG 36/59-a Universala/Kongreso de Esperanto. Teksto nur en E-o. Meze de la stampo, la emblemo de la kongreso

- BERGAMO, Italujo, 4.8.1974: sta okaze de la 47-a SAT-Kongreso: E-stelo kaj teksto tute en Esperanto "24100 BERGAMO C.P./47-a S.A.T. ESPERANTO KONGRESO/ĉe Eur College San Marco/Servizi distaccati (= provizora poŝtkontoro)". Pli ĝuste, la teksto estas en la itala (pro la deĵorindiko servizi distaccati), en Esperanto (pro la nomo de la aranĝo) kaj ..en la angla, ĉar la vorto "College" (=kolegio), kvankam ĉiam pli ofte uzata ankaŭ en Italujo, tute ne estas itala.
- VERONA, Italujo, 15.9.1974, sta okaze de la 45-a Itala E-kongreso: kvadrata sta kun detalo de la romia amfiteatro "Areno", E-stelo kun indiko 45°, kaj teksto en la itala "CONGRESSO/ITALIANO/ESPERANTO."
- OPAVA, Ĉeĥoslovakujo, 7.9.1974, sta okaze de la 5-a renkontiĝo de la E-sekcio de ĉeĥosl.filat.Asocio. E-stelo, teksto nur en nacia lingvo "5./Setkàni/Sekce Esperanto. La stampo (kiu ankaŭ prezentas stiligitan grafikaĵon) estis desegnita de Vladimir KOVAŘIK, aŭtoro de multaj ĉeĥoslovaj poŝtmarkoj.

## DU NOVAJ TUTAĴOJ (ĈI-FOJE, EN ĈEĤOSLOVAKIO)

Okaze de la filat. ekspo. "BRNO 74", la Federacia Minist. pri Telekomunikoj de Ĉeĥoslovakio emisiis serion de 6 koloraj kovertoj, kun la sama aerpoŝta pm en alta valoro de 6 kronoj. Sur la maldekstra flanko de ĉiu koverto vidiĝas en gravuro ilustraĵo de aviadilo (sama bildo, sed kun diversaj rekonliteroj), ĉirkaŭ kiuj estas tekstoj en la ĉeĥa aŭ slovaka : "Celostàtnì vỳstava poštovnìch znàmek Brno 1974", kaj la adekvata traduko en lingvoj angla, franca, germana kaj rusa/la unuaj kvar kovertoj. La du lastaj (respektive en koloroj blua kaj viola) surhavas la E-tradukon "Tutŝtata ekspozicio de poŝtmarkoj Brno 1974". La pm kaj ilustraĵo estis projektitaj de Vladimir Kovařìk (v.supre!), kaj gravuritaj de J. Mràĉek.

Vlàda HASALA, MUTĚNICE, Ĉeĥoslovakio